# BULTENO



de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj






Sekretariejo:
Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo:
von Liebigweg 26 Amsterdam


**Marde la 27an de Majo 1952.**

La Prez. de IFEF, Stapel malfermis la laborkunsidojn per la jena parolado : Karaj gekologoj, ni ĝojas, ke mi povas bonvenigi tiom da niaj anoj. Venis 450 gekologoj el 11 nacioj al Lindaû por partopreni la 4an IFEF-kongreson. La lingvodiferenco estas ankoraû grava. Kiam ni rigardas la kunvenojn de la U.N.O. ni respektas la laboron sed ne la labormetodon. Ni, laboruloj de la fervojoj, povas interparoli kaj interkompreniĝi per unu lingvo sen interpretistoj. Sed restas tro da malkompreno. Zamenhof jam diris: *Ni devas iri dornan vojon tra densa mallumo*, sed ni iru kuraĝe tiun vojon kaj daûrigu nian propagandon.

Regula renkontiĝo por interŝanĝi spertojn ideojn kaj por priparoli sugestojn kaj gravajn aferojn por la bono de nia movado estas por ni, fervojistoj, nemankipova. Ni ja havas propran taskon. La fervojoj venkas la distancojn, nia tasko estas venki la spiritojn.

Li laûdas la kologojn, kiuj invitis la unuan kongreson en Aarhus: Thorsted, Christoffersen kaj Kühle. Tiujn de la 2a Huber, Steidler, Zink, Angemayer kaj Sighartner, tiujn de la 3a F-ino Lemonnier kaj Retault. Nun okazas nia 4a kongreso. Tutkore mi dankas la germanajn kolegojn pro la multe farita laboro, speciale S-ron Pape, kiu ĉiam laborasas por nia celo. En la Pariza kongreso partoprenis germanaj ŝakludantoj. Ankaû nun ili ĉeestas sed kiel esperantistoj dank'al la propagando de S-ro Pape.

Kiam samfakuloj interkorespondadas ĉiuj sentas la gravecon de fakterminaro. Sur tiu ĉi tereno ankaû la fervojistoj havas specialan taskon. La terminaran komitaton ni sincere dankas pro la jam farita laboro. Giganta estas ĝia tasko por kompili tian terminaron sed en nia venonta kongreso ni espereble vidos konkretan rezultaton.

Ankaû en la pasinta jaro nia organizo suferis gravan perdon pro la morto de kelkaj el niaj membroj. Pro fervoja akcidento mortis en Danio nia kolego Schotman Christensen, nia terminara komitatano Hell mortis en Germanio en alta aĝo, en Norvegio mortis nia kolego Ramsberg, en Francio nia juna kolego Joubeaux, kiu postlasis vidvinon kun tri junaj infanoj, kolego Wissink el Nederlando, kiu estis ĉefestrarano kaj mortis la lastan tagon de la Pariza kongreso. Digne kaj honorplene li estis enterigata de niaj Parizaj gekolegoj.

Decas honori niajn neforgeseblajn amikojn kiuj faris pli por nia movado ol mi povas skizi per kelkaj frazoj sed kiujn la morto forprenis el niaj vicoj. Ni honoru ilin kaj mi petas al vi ekstaru kaj silentu momenton. *(Starante la ĉeestantoj honoras la mortintojn)*. Ke ili ripozu en paco!

Kia estas fakte nun nia stato? Nia IFEF estas pli grava ol kelkaj inter vi opinias. La financa stato estas sana, la kresko pli ol kontentiga. Ni komprenu, ke nenia granda ideo en la historio efektiviĝis senpene en mallonga tempo. Momente nia organizo nombras 1100 gemembrojn, pliiĝo de 322 kompare kun la pasinta jaro. En ĉiuj landoj oni tre aktive laboras. En Svedio nun ekzistas landa organizo. Nia malnova pioniro Ernst Eriksson, kiu jam agadis por la tiama I.A.E.F. meritas

nian plenan laŭdon pro la laboro farita. La kresko de la Itala, Brita, Dana kaj Finlanda organizoj donas ankaŭ kantentigan bildon. En Germanio la organizo kreskis per 152 membroj. Mirinda kresko. En Francio estas la plej multnombra organizo kun 272 gemembroj.
Pere de speciala sistemo de nia ĝenerala sekretario ni interkontaktiĝis kun kolegoj loĝantaj en ĉeĥoslovakio. Dek tri kolegoj el Francio, Nederlando, kaj Svisio adoptis ĉeĥan kolegon. Se vi volas sekvi tiun ekzemplon, ĉiu por si mem povas adopti ekzemple provizore por unu jaro ĉeĥan kolegon pagante 3 internaciajn respond kuponojn, kiuj estas ekvivalentaj al jara kotizo.
Kun plezuro ni mencias, ke en Kaiserlautern ekzistas fervora grupo, kiu verkis valorajn artikolojn kun aldono de utilaj fak-esprimoj. Du kolegoj komponis specialan fervojistan himnon. Kolego Seemann el ĉeĥoslovakio kompilis la tekston, kolego Wagner el Trier komponis la muzikon. Dankon al la multaj kolegoj en ĉiuj partoj de la mondo, kiuj sendis leterojn kun sugestoj, kritikoj k.t.p.
Restas al mi la agrabla tasko, esprimi nian koran dankon al la Germana Fervoja Kompanio pro ĝia afabla invito okazigi nian kongreson en ĉi tiu loko. Karaj geamikoj, la ĉefestraro estas danka, ke vi venis tiom multnombre venis ĉi tien por kune manifesti nian ideon. Metu ni la manojn sur la plugilon, helpu ni unu la alian, ni instigu nin reciproke por atingi nian celon. Ĉiu estu ĉero en la longa ĉeno, kiun ni intencas forĝi por ke ni finfine povu saluti la tutan fervojistaron en nia IFEF. Mi estas dirinta kaj deklaras la 4an IFEF-kongreson malfermita.

**Envenis la jenaj salutleteroj:**
Fervojista Esperantista grupo en Děčin (ĉeĥoslovakio). La Aŭstralia IFEF-sekcio AAFE. Germanaj naturamikoj. Kolego Hawla, Vieno, Aŭstrio. *Heroldo de Esperanto* Scheveningen, Nederlando. (telegramo)
*The National Union of Railwaymen London* (telegramo) *Esperanto Post Limburg* (telegramo).
Esperanto-societo Zurich*. Svisa Esperanto Societo. Fervojista Esperantista grupo (Milano, Italujo). Eisenbahndirektion FRANKFURT/Main, la prezidento HESS.
BEFA, starigota IFEF-sekcio en Belgio.

Punkto 3a de la tagordo * Raporto pri la Pariza kongreso * estas sen rimarkigoj aprobata. F-ino Lemonnier (Francio) gratulas la sekr-on LOK pro la konciza kaj priciza raporto.

Punkto 4a *Raportoj de la sekr. kaj kasisto* ne kaŭzas diskutojn kaj estas unuanime aprobataj.

Punkto 5a *Raporto de la Terminara komitato* havas ĝeneralan interesiĝon kaj pri tio ne aperis skriban raporton en BULTENO, la prez. petas S-ron Pape raporti pri la laboro farita kaj la nuna plano.
PAPE (Germanio) nome de la T.K. raportas, ke la materialo estas kolektita dank' al la fina traduko de Simon. La materialo, laŭ kiu ni tradukis la terminojn estis de Rebiĉek (ĉeĥoslovakio), poste ni uzis la materialon de Rosher (Britio) kaj la 5 volumojn de Slomann. Bazon ni jam trovis en la iamaj gazetoj de IAEF, vidu la bone verkitan artikolon en la kongres - libro de LOK. Poste ni uzis la kvinlingvan terminaron pri elektro en Svisio eldonita, ankaŭ la materialon de Buster ni posedas. Bona estis la kunlaboro de Simon kaj Lienhardt, kiuj prizorgis la materialon pri lokomotivoj, fine ankaŭ la materialon pri vagonoj.
Por eldoni terminaron enhavanta 4000 vortojn la laboro postulas tro multe da tempo. Ne la nomo de ĉiu ŝraŭbo estas bezonata, nur la plej gravajn. Ni intencas eldoni provizoran terminareton kun 2000 terminoj, pro tio ni havas novan planon. Ekzistas franca teknika vortaro en tri lingvoj, ĝi enhavas sufiĉe da terminoj. Skeleton ni do havas. Bedaŭrinde la stoko estas elĉerpita sed ni havas sufiĉe da ekzempleroj por nia tasko. Nia celo estas kompili terminareton alfabete en unu jaro. En ĉiu lando oni daŭrigu la tradukadon kaj estonte ni havos terminaron.
La eldono estu malkara, sekve presi ĝin neeblas. La esprimojn oni devas bone pristudi, laŭvorta traduko netaŭgas. Nia laboro ne estas nur grava por Esperanto sed ankaŭ por aliaj lingvoj. Pape nome de la T.K. konsilas prepari la materialon ĝis ni havos konsenton pri fina skeleto. Verŝajne estos landaj rondoj, kiuj ne disponas pri financa fonto, el kiu oni povos ĉerpi la bezonatan monon. Tiaokaze la aliaj povos helpi aŭ okazo de receso oni turnu sin al la IFEF-estraro.
La antaŭa organizo sendis al ĉiu ano la materialon, kio al ni neeblas, nur tiuj, kiuj petas la materialon, ricevos ĝin. Por eviti la altajn preskostojn Pape rekomendas maŝinskribitan terminareton.

Pri teknikaj artikoloj Pape rekomendas preni el inel landaj gazetoj, se artikolo en landa bulteno estas grava, ĝi certe valoras publikigon en nia BULTENO. Li konsilas al la Redaktoro peti en diversaj landoj artikolojn kaj la landaj rondoj devas prizorgi tion. La vizito al Vitri dum la Pariza kongreso estis tre instrua kaj Pape esperas, ke tiaj vizitoj ankaŭ okazu en sekvontaj kongresoj.

**Zink** (Aŭstrio) gratulas la T.K.-on pro la detala raporto. Ofte li parolis en la Radio-elsendoj de Vieno kaj aplikis la terminojn de la T.K. kaj ricevis laŭdon pro la gustaj esprimoj. Li rekomendas, ke la komitato, al kiu oni povas sendi tradukojn, estu nur malgranda kaj ke nur tiu komitato povu juĝi pri la taŭgeco de la tradukitaj terminoj el kia ajn lingvo.

**Christoffersen** (Danio) povas substreki la vortojn de Zink. Nun ni havas definitivajn liniojn. Komence li timis malsukceson sed des pli li nun ĝojas pri la rezultato. Li esperas, ke multe da fakartikoloj aperu en BULTENO kaj ke fakaj gazetoj diverslandaj publikigos tradukojn el nia BULTENO.

**BIPP**, (Svisio) admiras la laboron de la T.K. Pri la esprimoj en naciaj lingvoj oni estu singarda. La baza vorto estu esperanta vorto.

**F-ino Lemonnier** (Francio) dankas S-ron Pape pro la ampleksa laboro kaj ĝojas, ke tiom da francaj kolegoj kunlaboris kaj fieras apud la alinacianoj, ke ankaŭ ili oferis sian tempon por la terminaro. En la franca bulteno aperis de tempo al tempo fakaj artikoloj. Ŝi kore dankas la T.K-on pro la farita laboro.

**Spadafora** (Italio) Hieraŭ en la aparta kunsido de la T.K. kaj hodiaŭ rilate al la raporto mi konstatis bone, kiom grava estas la laboro. La kompilado de terminaro certe estas taŭga rimedo por interesigi la diverslandajn fervojadministraciojn. Li laŭdas la komitaton, kiu celtrafe faras tiom malfacilan kaj longdaŭran laboron. (Longdaŭra aplaŭdado)

**Prez**; Jam en 1908 a la fervojistoj fondis Asocion, al kiu ili donis siajn fortojn. Malgraŭ ili laboregis, ili ne sukcesis. Ne subtaksu la gravan laboron de nia T.K. Kiam la terminaro estos preta, ni sendu ĝin al la Lingva Komitato. IFEF estas preta eldoni ĝin. (Fino de la 1a kunsido)

**La 2a laborkunsido, la 28/5 matene**;

La Prez. per kelkaj vortoj malfermas la kunsidon esprimante sian ĝojon pri la ĉeesto de tiom da kongresanoj. Li donas la parolon al Sighartner, kiu devos reveturi al Aŭstrio kaj pro tio petis parolvicon.

**Sighartner** skizas kiom fervore la aŭstraj anoj laboras por nia movado. Ili ricevis la konsenton de la Fervoja Direkcio pendigi informtabulon en grandaj stacidomoj, por ke la vojaĝantoj vidu, ke Esperanto vivas. Aliaj landoj sekvu la ekzemplon. La unuan fojon la Aŭstria Fervoja Direkcio oficiale estas reprezentata en tiu ĉi kongreso, eble poste en ĉiu kongreso. Nun ĉiuj estraranoj loĝas en unu urbo por ke la laboro ne stagnu. Li montras belaspektan enkadrigitan informtabulon kaj nome de la Aŭstria fakgrupo li donacas al ĉiu landa delegito tian tabulon dankante nian kolegon Angemayer, kiu fabrikis ilin.

**Pritraktado de la proponoj**;

**Pape** (Germanio) unue gratulas kolegon Sighartner. Ni havu unuforman afiŝon. Oni jam faris klopodojn en tiu direkto en Germanio. Lokaj grupoj jam havis sukceson, sed por la Administracio tio estas komerca afero. UEA povis pendigi afiŝojn por sia kongreso. Aŭstrio trovis la taŭgan formon. Petu denove kaj sciigu, ke la Aŭstriaj fervojoj jam donis konsenton. Li komentas la proponojn 1-6 el Germanio jene; Pri la 1a li proponas, ke la IFEF - estraro publikigu la akceptitajn proponojn en la antaŭaj kongresoj ĉar la landaj rondoj devas plenumi tiujn decidojn. Pri la 2a, ni atentu la plej bonan tempon, ŝanĝo de la horaro kaj festotagoj ludas gravan rolon sed ankaŭ la situacio en la kongresurboj. Ni lasu tiun aferon al la LKK.

Pri la 3a; Ni aperigu pli da fakartikoloj en BULTENO, li konsilas transpreni fakartikolojn el la landaj bultenoj.

Pri la 4a; Li opinias aliĝon al UEA kiel faksekcio iom danĝera pro la SAT-anoj kaj renverse. Ni kongresu do en Majo.

5a; Tamen en tiuj kongresoj estu la eblo por niaj anoj kunveni aparte. Ni konservu bonajn rilatojn kun aliaj organizoj por ke ni havu ĉiam bonan bildon pri la aspekto de la tuta Esp-movado. Por nia Terminara Komitato estas necese havi kontakton kun fakorganizoj, pro tio la propono.

Pri la 6a; Ni elektu insignon aŭ ni elektu la nunan kongresinsignon kiel oficiala.

**F-ino Lemonnier** (Francio) Aprobas la paroladon de la antaŭa parolinto. En la franca bulteno la lokaj grupoj uzas certan spacon por siaj komunikoj. IFEF ankaŭ faru tion.

**La Prez.** rilate al propono la promesas la publikigon de la akceptitaj proponoj en BULTENO konventempe.

**Thorsted** (Danio) rimarkigas, ke la plej bona tempo por la Danoj por kongresi estas antaŭ la 15a de Majo aŭ post la 15a de Aŭgusto. Li tamen proponas, ke la grandaj landoj decidu pri la dato kaj reprenas la proponon. **La Prez.** respondas, ke kongresi en la somero ne eblas, tial ni ne povas kongresi kun UEA aŭ SAT. Ni lasu al la LKK la liberon fiksi la daton sed ni kongresu en Majo. Neniu estas kontraŭ kaj la kongreso decidas laŭ tio.

Propono 3a: **Zink** (Aŭstrio) estas tre kontenta pri la nuna BULTENO, ĝi estas

deca sed modesta.Ĝi estas la fundamento. Ni laboru por ke ĝi estonte estu pli granda kaj aŭtomate pli riĉenhava.

**F-ino Lemonnier**. (Francio) gratulas la Redaktoron, la **Bulteno** estas modesta sed bona. La Red. prenu el la landaj gazetoj teknikajn artikolojn. Poste la landaj rondoj prenu interesajn artikolojn el la **Bulteno**. Ŝi laŭdas la ĉefestraron, kiu bone atentas la financan staton kaj tamen sukcesis eldoni bonaspektan Bultenon.

**Spadafora** (Italio) volonte legus en Bulteno artikolojn pri la agado de la landaj rondoj, por ke ĉiu sekvu la ekzemplon de la plej aktivaj.

**Thorsted**. (Danio) proponas presigi la Bultenon en Aarhus, laŭ lia opinio tiele oni povas ŝpari monon. Post la kongreso ni povos korespondi pri tio. (Intertempe tio jam okazis kaj montriĝis, ke la prezo en Aarhus estas la duobla de la nuna).

**La sekr. Lok** certigas la enpresigon de novaĵoj kiam la landaj rondoj sendos ilin.

**Pape** (Germanio) estas kontenta pri amplekso kaj enhavo, la landaj rondoj kunlaboru. La Red. skribu al ili * vi devos sendi artikolon*, laŭvice la landaj rondoj estu devigataj sendi artikolon.

**La Red.de Jong** diras: Gis nun ne abundas la artikoloj el la landaj rondoj.Li timas, ke ili ankaŭ ne sendos. La sekretario ĉiam prenas el la diversaj gazetoj tion, kio estas interesa. En la sekvonta **Bulteno** aperos la raporto de la kongreso. Li garantias, ke teknikaj artikoloj aperos se oni sendas ilin. Kiam alvenos io urĝa li promesas aldoni ekstran folion al la **Bulteno**. Tio estas ebla dank'al la donacoj.

**F-ino Lemonnier** pri propono 4a opinias, ke kunlaboro kun UEA kaj SAT estas necesa. Ni tamen restu memstara. Tio montriĝis en Francio ĉar preskaŭ estis revolucio kiam ni klopodis havi la opinion pri kunfandiĝo. Ni petu en la kongresoj la parolon por rakonti pri nia movado.

**Walder** (Svisio) kiel UEA-delegito atentigas, ke fakaj Federacioj ne povas aliĝi al UEA sed nur kontrakto estas ebla.Tiam oni povas enpresigi informojn en la UEA-jarlibro.La kostoj estas unu angla funto, IFEF interkontraktu kun UEA kaj se ebla ankaŭ kun SAT.Ni ja havas komunan celon.

**Zink**, rakontas pri personaj spertoj. Ni ŝparu por nia propra movado.

**Pape** proponas prokrasti la decidon ĝis la venonta kongreso por pristudi la kondiĉojn de SAT.Interligeco kun aliaj estas necesa. Li dankas UEA, kiu ankaŭ pri nia movado publikigis sen kontrakto.

**La Sekr.** Ni jan havas bonajn rilatojn kun la diversaj organizoj. Li ĉiam sendas salutleteron al kongresoj. Aliĝo ne estos facila ĉar SAT nur havas individuajn membrojn. Li sampopinias kun Zink, ni restu tia, kia ni nun estas.

**Carlsen**. (Norvegio) Ni estas ligitaj ĉar ni ricevas helpon el diversaj fontoj. En Norvegio ni ricevas subvencion de la sindikato kaj de la fervojDirekcio. Ni estas certaj, ke tio ne restos se ni aliĝus al SAT aŭ UEA. Ni provu fortigi nian propran organizon.

**La Prez.** Ĉiam ni estas pretaj kunlabori kaj en Nederlando ni jam faras tion. La Sveda sekcio esence fondiĝis en la SAT - kongreso. Se ni aliĝus al kiu ajn organizo tiam la subvencion perdiĝus.Li proponas daŭrigi same kiel ni ĝis nun agis. La kongreso akceptas la proponon de la estraro.

Pri propono 6a *La IFEF-insigno*, **Bipp** opiniaa la Stelon tro malgranda.**Thorsted** deziras ŝanĝon de la koloroj.**Zink** avertas pri tro da ruĝo.

**Pape** ne povis aŭdi la opinion de la anoj kaj deziris prokrasti la decidon ĝis la venonta kongreso. **Carlsen** proponas porti la insignon ĝis la venonta kongreso.Tion la kongreso akceptas.

**Pape** diras, ke ni nur havu unu insignon La landaj rondoj ne havu propran.

**Labordus**. (Nederlando) La Nederlandaj Fervojoj havas specialan emblemon. Pro tio ni uzis la emblemon kaj jam mendis ĝin antaŭ ol IFEF tion faris. **Spadafora** samopinias kun S-ro Pape pri aparta emblemo por la landaj rondoj.Ankaŭ la Prez. samopinias kun Pape kaj Spadafora.

**Labordus** opinias, ke nur verda stelo sufiĉas. **Spadafora** opinias necese havi apartan insignon por montri nian movadon.

**Pape** ankoraŭfoje akcentas sian opinion, ke la landaj rondoj ne havu propran, nia movado estas internacia sekve bezonas internacian insignon. La nederlanda Direkcio konsentis porti la insignon sur la-uniformoj, ni estas certaj, ke ĝi ankaŭ konsentos porti la internacian.

**Zink**. La landaj rondoj petu tion al la Direkcioj kaj ili certe konsentos.

Fino de la 2a laborkunsido.

Post la malfermo de la 3a laborkunsido Finlando reprenas la proponon 7an.

La proponon 8an de la ĉefestraro **Labordus** deziras ŝanĝi tiusence, ke la landaj rondoj klopodu havigi al si subvencion kaj donu parton al la IFEF-kaso. La IFEF-estraro ne estas kontraŭ la ŝanĝo.

**Christoffersen**. La Dana rondo ricevas subvencion sed ne en mona formo sed per pago al instruistoj kaj helpo en kursoj. Li ne scias ĉu la instruistoj pretas doni parton el la enspezoj al la IFEF-kaso.

**La sekr**. sukcesis en Nederlando jam akiri dufoje subvencion de la sindikato.Ni klopodu ĉiam atingi subvencion de la sindikatoj. Ĉiu rondo klopodu tion por ke ni povu pligrandigi la gazeton.

Envenis deziresprimo de Itala ano: *En BULTENO aperu komunikoj pri laborcirkonstancoj kaj kondiĉoj en diversaj landoj.*

**La Red.** volonte plenumas la deziron, la itala kolego sendu artikolon pri tio kaj la aliaj certe sekvos la ekzemplon.

Punkto 7a de la tagordo: * Estrarelekto* **F-ino Lemonnier** nome de ĉiuj delegitoj gratulas kaj dankas la ĉefestraron, ĉiuj opinias, kella nuna estraro daŭrigu la laboron en la estonta jaro. **La Prez.** ni havas unu estraranon malpli. Ĉu vi konsentas, ke tio restos por la venonta jaro ? Aplaŭde la kongreso akceptas.

**La sekr.** dankas pro la fido en la laboroj de la organizo kaj promesas nome de la estraro fari ĉion eblan por la bono de nia movado. Li tamen konsilas por la estonto serĉi jam nun pli junajn fortojn. Volonte la nuna estraro donas siajn fortojn sed la sorto ne estas en la manoj de la homoj.Organizo ne estu dependa de nur kelkaj laboremuloj sed estu portata de komuna fortstreĉado, por ke ĝi ankaŭ en la venontaj jaroj povu disvolviĝi sub la gvidado de pli juna estraro.

Punkto 8a ne kaŭzas malfacilaĵon. Kolego W.Hogendyk (Alkmaar) estas preta anstataŭi kolegon Bouwkamp en la kaskontrolkomitato. La kongreso akceptas. La Prez. dankas Bouwkamp pro la laboro farita.

Punkto 9a: **Labordus** (Nederlando) invitas La kvinan IFEF-kongreson al Utrecht. La provizora dato estos fine de Majo sed ni klopodos okazigi ĝin en la komenco de la monato. Ni certe havos la eblon viziti fervojan laborejon. Estu do bonvenaj en Utrecht en 1953a.

**Hartjen** (Germanio) aŭdis ion pri invito al Italio. **Zacconi** (Italio) diras, ke la itala delegito momente ne ĉeestas sed ni ne povas jam nun certigi, eble post kelkaj monatoj.**La Prez.** Ni jam nun ĝojas havi ankaŭ kongreson en Italio en 1954a. **Zink** atentigas, ke diversaj Direkcioj kaj sindikatoj bone atentas nian movadon. La estonta LKK-o invitu la Kirekciojn kaj sindikatojn sendi al nia kongreso reprezentanton. La kongreso akceptas la inviton de Nederlando.

Dum la libera diskutado **Zink** esprimis la deziron, ke ĉiu membro ricevu membrokarton.Se ĝi havas monon la estraro preparu tion. **La sekr.** opinias, ke pro la multaj ŝanĝoj tio nuntempe estas perdita mono, eble estontece kiam la membronombro estos pli stabila.

**Spadafora** petas pardonon pro la malfruiĝo. En Parizo mi promesis, ke la nombro da anoj kresku al 20,ĉu vi estas kontentaj, ke tiu promeso realiĝis ? Aplaŭdo. Li ĝojas esti en Lindaŭ car kongreso estas kunveno de koroj kaj pensoj.Li raportas pri la kursoj en Italio. Kiam ni ricevos oficiale la promeson de la Administracio ni havos la honoron inviti la kongreson en 1954 en Italio. **La Prez:** En la kongreso en Salzburg ni renkontis kolegon Corso, li promesis ekkomenci en sia lando la propagandon.Italio donis la ekzemplon.Li dankas ambaŭ kolegojn, Corso kaj Spadafora sed ankaŭ la aliajn pro la sukcesplena propagando en Italio.

**Christoffersen.** En Parizo ni akceptis la proponon elekti lokajn delegitojn, li atendis informojn en Bulteno, kaj esperas, ke oni plenumu tion en la venonta jaro. La danaj lokaj delegitoj jam estas.

**Lok.** Christoffersen pravas sed la landaj rondoj devas plenumi tion. Ili ĝis nun ne sendis liston.Danio jam delonge estas preta.Li esperas, ke ankaŭ la aliaj landaj rondoj baldaŭ sendos la nomojn. Li disdonis al la landaj delegitoj liston da kondiĉoj por la lokaj delegitoj kaj ekzempleron de nova IFEF-regularo, por ke oni povu priparoli la enhavon en la landaj rondoj.

**Pape** proponas sendi rezolucion al la Direkcioj kaj voĉlegas la tekston. ( Vidu la tekston en la antaŭa Bulteno).

La kongreso akceptas sendi la rezolucion.

**Hartjen** opinias,ke ni ne bezonas membrokarton.

**F-ino Lemonnier** klarigas la manieron en Francio, tie oni havas ŝtampon sur la landa karto. **Spadafora** parolante pri la insigno proponas ankoraŭ *la fervoja emblemo en verda stelo kun la literoj IFEF. Labordus invitas la eksterlandanojn viziti la kongreson de FERN en Zwolle (17-18 de Septembro). **Franca kolego** rekomendas viziton al kultura domo (Kastelo) en Francio. **Stöckel** (Aŭstrio) En Wörgl okazos solena inaŭguro de Zamenhof-monumento por tiu monumento ni kolektu monon.

**Hartjen** dankas pro la bona funkciado en la kongreso. **Zink** ni invitu poetojn en la sekvonta kongreso.

**Franca kolego** deziras posedi jarlibron por korespondadi pri teknikaj temoj. LOK atentigas, ke ni en Parizo malakceptis tiurilatan proponon sed anstataŭe enpresigos en Bulteno adresaron de lokaj delegitoj. La kasisto opinias jarlibron tute superflua.

**Simon** (Germanio) proponas plialtigi la kotizon.F-ino Lemonnier dankas en la nomo de la delegitoj S-ron Pape kaj la aliajn LKK-anojn pro la bonega laboro.

Forta aplaŭdo.Ŝi spertis la fratecon ĉar iu en la kongreso donis donacon por la infanoj de nia mortinta amiko Joubeaux.

Respondinte la parolintojn, la Prez. en la nomo de la estraro tutkore dankas la LKK-anojn. Grava estas la fakto, ke la sociala organizo invitis la kongreson. Tio havas grandan valoron. Ĉio estis perfekte organizita kaj ankaŭ la gastigado estis perfekta. Aplaŭdo el la kongreso. Li danke konstatas, ke la spirita stato en nia organizo estas sana. Ni daŭrigu entuziasme kaj ne timu la kontraŭstarantojn. Ni havas la saman ideon. Alportu brikon ĉiu laŭpove kaj restu sur via posteno. Ĝis la revido en Utrecht ! Mi deklaras la 4an IFEF-kongreson fermita !

Dankon ! Starante la kongreso kantas la Esperantan himnon.

Protokolis, la 2a sekr.
E.Drijfhout.

## LA PARIZA SUBTERA FERVOJO

En 1950 la Pariza *Metro* estis kvindekjara. Fakte estis je la 19a de julio 1900 kiam Parizo inaŭguris la unuan vojon de la nun populara Metro.
La kresko de Parizo dum la 19a jarcento (ĝia loĝantaro kvarobliĝis de jaro 1800 ĝis 1900 ) necesigis komunajn transportilojn. sed la omnibusoj, la tramoj baldaŭ ne sufiĉis. Jam en 1855 oni proponis planon de subtera fervojo por transporti la varojn de la ĉirkaŭaĵo al la Haloj, sed ĝi ŝajnis tro multekosta por sia celo.
En 1870 la studojn pri ĝi haltigis la milito. Poste oni prezentis aliajn projektojn sensukcese.
Nur en 1895 la ministro pri Publikaj Konstruaĵoj permesis al la urbo Parizo konstrui fervojon.
Oni komencis la konstruon fine de 1898.
En 1900 la vojaro estis 10 km longa kun 18 stacioj. Nun ĝi estas 216 km longa kun 324 stacioj.
Plej ofte la vojoj estas subteraj. Ĉiu vojo havas apartan tunelon. Tamen kelkaj partoj de vojoj estas aeraj, sur viaduktoj. Ekzistas 14 linioj, kompletigitaj per aŭtobus-linioj por la eksterurbo.
La plej longa vojo estas linio 9a, inter *Marie de Montreuil* kaj *Pont de Sevres* (19.5 km ) La plej mallonga estas Porte de Clichy - St.Lazare (3.8 km).
Ĉiu stacio havas du kajojn, kiuj estas longaj 75 m, larĝaj 4.10 m kaj altaj 85 cm. La plej novaj kaj la plej gravaj stacioj havas kajojn je 105 m.
En ĉiu stacio estas vendejo por la biletoj. La muroj estas kovritaj per blanka pavimo, kiu donas purecon kaj helecon.
Por malhelpi al la vojaĝantoj eniri per la elirpordoj, la bariloj malfermiĝas nur en unu direkto, kaj aŭtomataj bariloj fermiĝas kiam trajno alvenas, kaj tiel malhelpas la malfrue venantojn riski akcidenton.
Ĉirkaŭ 40 trajnoj iras dum unu horo sur ĉiu vojo. Kiel mi jam diris, ĉiu vojo estas aparta. Oni iras de unu al la alia per la *korespondaj stacioj*.
5 linioj trairas la Seine subtere, 3 aliaj aere per viaduktoj, kiuj estas uzataj nur de la trajnoj.
Kiam linioj kruciĝas, tio necesigas apartan laboron, unu linio trapasante super la alia. La plej grava kruciĝo de vojoj estas en la stacio Republique, kie kruciĝas kvin linioj, kaj kie ekzistas 12 eliroj al la stratoj.
La reloj estas 18 m longaj kaj pezas 52 kg po metro. La kurboj havas radion minimume 75 metran. Ĉiuj kurboj kun radio malpli ol 300 m havas kontraŭrelon.
La meza distanco de unu stacio al la alia estas 486 m. La plej longa estas *Invalides-Concorde* (952), la plej mallonga: *Martin Nadaud-Gambetta* (226)
Tria relo disponigas la necesan elektrofluon al la motoroj.
La elektran fluon uzatan por la ekspluatado de la subtera fervojo donas du uzinoj kiuj kune produktis en 1948, 350 milionojn da horaj kilovatoj. La alterna kurento de 10.000 voltoj estas transformata por uzado en 600 volta kurento kontinua, kaj alterna 220 volta kurento.
La 600 volta estas uzata de la trajnoj, suprenililoj, lumigado, ktp, kaj la 220 volta por la signaliloj.
La trajnoj povas eliri ĉiun minuton½ sur sama vojo, kaj tio necesigas apartan signaladon per aŭtomataj blokoj.
La plej profunde subteraj stacioj disponigas al la vojaĝantoj suprenirilojn, ĉu mekanikaj ŝtuparojn, ĉu liftojn.
Nun ekzistas 80 mekanikaj ŝtuparoj kaj 34 liftoj. La plej profunda stacio estas *Buttes Chaumont* kun 28.70 m.
Por elĉerpi la tutan akvon, kiu iom post iom invadus la subteran fervojon, 158 pumpiloj elĵetas ĉiujare 4.100.000 kubajn metrojn da akvo. Pluraj pumpiloj estas pretaj funkcii okaze de subita pluvego. Ventumiloj kaj aerdonantaj fenestroj refreŝigas la aeron de la subtera fervojo pli ol dufoje dum unu horo.
Ĉiusemajne la muroj estas purigataj per kalka lakto; ĉiutage, inter la 21a kaj 23a horoj oni malsekigas la balaston kaj 200 purigistoj balaas la staciojn ĉiunokte kaj lavas ilin per broso kaj akvo dufoje en monato.

Trajno konsistas el kvin veturiloj. Ĉiu veturilo mezuras 14.20 m kaj estas larĝa 2.40 m. Ĝi estas tute el metalo, krom la seĝoj.
Du lokomotivoj kun 4 motoroj de 175 VĈ funkciigas la trajnon Unu veturilo povas enteni 120 vojaĝantojn. La pordoj fermiĝas aŭtomate kiam la trajno ekiras kaj tiu ĉi ne povas ekiri se pordo estas nefermita.
La motoroj ricevas la elektrofluon per 4 frotiloj el la tria relo.
15 lampoj donas lumon al unu veturilo.
Okaze de elektra paneo sur la relo, ili ankaŭ povas ricevi fluon per aera fadeno.

En 1948 la Pariza Metro transportis 1400.000.000 vojaĝantojn, pli ol 4.000.000 ciutage, kaj pli ol 600.000 dum la plej ŝarĝita horo.
Nur 494 trajnoj cirkulas, kaj en unu jaro ĉiu el ili iris dum 170 milionoj da km.

kio egalas 500-foje la distancon de la tero al la Luno, aŭ 4.250-foje la teran cirkonferencon.
En ĉiu trajno funkcias du oficistoj: la konduktoro kaj la trajnĉefo, kiu respondecas pri la vojaĝantoj.
La konduktoro povas sekvi la horartabelon kiun li havas, sed ne estas ĉiam facile, ĉar okaze de granda nombro da vojaĝantoj en unu stacio, li riskas atendi tro longe. Se la trajno malfruiĝas, la alia ne povas sekvi la hortabelon, kaj iom post iom tio povus fuŝi la tutan eksplutadon. Do, okaze de malfruiĝo pro kiu ajn kaŭzo, necesas kiel eble plej frue reĝustigi la cirkularon.
Tiun rolon havas la ĉefo pri la ekiroj en la unuaj stacioj.
La vojaĝantoj aĉetas la biletojn en la stacioj. Unu bileto valoras por du vojaĝoj, kiom ajn estas la distanco.
Kontolistoj kontrolas la biletojn ĉe la eniro al la kajo Por la unua-klasaj biletoj estas kontrolisto en la unua-klasa vagono. Ekzístas nur du klasoj.
La fakto ke la valoro de la biletoj ne dependas de la distanco, mal konsilas la disvolviĝon de la subtera fervojo al la ĉikaŭurbo, ĉar la distanco estus tro granda por doni gajnon. Nun la urbaj aŭtobusoj kaj la trajnoj de la SNCF kompletigas la Metro-reton, sed ili ne sufiĉas, ĉar la SNCF-stacioj ricevas tro multe da vojaĝantoj el la ĉirkaŭurboj kaj oni ŝtudas la eblecon, ligi la SNCF-liniojn de la ĉirkaŭurbo inter si, por eviti la kongeston de la SNCF-stacidomoj de Parizo.

A. Trésorier.

## PRI RAJTOJ KAJ DEVOJ DE LA FERVOJISTOJ EN DIVERSAJ LANDOJ

Itala amiko plendas, ke niaj anoj ne scias utiligi ĉiujn avantaĵojn, kiujn donas al ili la membreco de IFEF.
En korespondado kaj dum kongresoj kaj renkontiĝoj oni tro multe parolas pri sensignifaj bagatelaĵoj, anstataŭ interŝanĝi valorajn spertojn, kaj kompari la proprajn cirkonstancojn kun tiuj de diverslandaj samfakuloj.
Nia amiko bedaŭras tion, ĉar ĝuste la IFEF-anoj povus rakonti al siaj laborkamaradoj kaj al sindikataj gvidantoj interesajn faktojn kaj valorajn sciigojn pri la laborkondiĉoj en eksterlando, donante per tio pruvojnpri sia senlima kaj kleriga kontakto kun fervojistoj el multaj landoj. Sendube tiaj praktikaj pruvoj estas la plej efika propagando por nia afero.
Ni plene substrekas la konstruan kritikon de nia amiko kaj instigas niajn membrojn ekspluati la membrecon de IFEF por praktikaj celoj.
Por doni ekzemplon, nia amiko rakontas pri si:

De la jaro 1920 mi dejoras ĉe la Italaj Stat-Fervojoj kiel unua klasa mekanikisto. Mia monata salajro sumiĝas je 44.000 Liroj (proksimume 72 Dolaroj).
Al la po-jara salajro oni devas adicii 13an monatan salajron; tio estas aldona salajro, laŭkutime pagata ĉe la jarfino al ĉiuj laboristoj, ĉu Ŝtataj, ĉu privataj. Mi rajtas ricevi pension, kaj por tio mi pagas 6% de la tuta salajro; krom tio mi pagas 1½% de la tuta salajro por senpaga kuracista helpo, al kiu rajtas mi kaj miaj familianoj.
La laborkontrakto garantias al mi 26 plene pagitaja feriotagojn, 3 senpagajn vojaĝbiletojn dua klasajn, kaj krome nelimigitan nombron da vojaĝbiletoj kun rabato de 50%.
La aĝlimo por pensiiĝo estas 58 jaroj. Ĉar nun mi estas 57 jara, oni venontjare pensiigos min. Tiam mi ricevos pomonate 27.000 Lirojn kaj ĉiujare nur unu senpagan bileton, plus tri biletojn kun 50% rabato, kaj mi ne plu havos rajton pri senpaga kuracista helpo.
Jen kelkaj interesaj faktoj pri la laborkondiĉoj de Itala fervojisto.
Li petas al la aktivaj amikoj en diversaj landoj, komuniki perede nia Bulteno samspecajn informojn, por ke li povu aperigi ilin en Italaj fakgazetoj, kiel celtrafa propagando por Esperanto kaj IFEF.

Ni aklamas la iniĉiaton de nia kolego, ĉar per tia artikoloj nia gazeto atingos pli altan nivelon, dum la tradukadoado por naciaj gazetoj eldeviĝos respekton por nia movado.
Amikoj, la feriaj monatoj pasis.
Nun - ek al la laboro!
Venis la tempo, ke per serioza laborado ni montru la ekzistorajton de IFEF.
Por tio ni bezonas ankaŭ vian forton.

## EN NOVEMBRO AL FRANCIO

Okaze de sia jara kunsido, okazonta en novembro, F.F.E.A. estos feliĉa akcepti unu delegiton el ĉiuj landajsekcioj de IFEF dum du tagoj.
La landaj sekcioj de IFEF, kiuj deziras delegi unu el siaj membroj, bonvolu informi sufiĉe frue: Franca Fervojista Esperanto-Asocio, 11 Rue de Milan, Paris - 9e P.K. 7.402 60 Paris.

## NEKROLOGO

Ĵus ni ricevis la dolorigan sciigon, ke la 25an de aŭgusto, post mallonga malsano mortis en Anglio, nia aktiva membro Leo Dukes.
Dukes estis la prezidanto de la Brita A.E.F., kaj kiel tia li multe laboris ankaŭ por IFEF.
Multaj el niaj anoj certe memoras la ĉiam bonhumoran amikon.
Ke li ripozu en paco!

## 5a IFEF-KONGRESO 1953 EN UTRECHT - NEDERLANDO

L K.K. laboras jam plenrotacie kaj konsistas el la tuta FERN-estraro kaj kelkaj aktivaj Utrechtaj FERN-anoj. En la taga estraro estas; prezidanto: J.J.Labordus, Kenaustraat 26, Zuilen-Utrecht; sekretario: K.Brouwer, Schutstraat 36 bis; kasisto: J.A.Vermaak, Rijnlaan 197, ambaŭ en Utrecht.
Laŭ peto el diversaj direktoj ni sukcesis fiksi la kongresdatojn de la 5a ĝis la 10a de majo, do antaŭ la nova somerhoraro. Ni esperas, ke nun pli da norduloj povos ĉeesti. Ni jam nun havas la konsenton de multaj utrechtaj esperantistoj, ke ili dum la kongreso volonte gastigos eksterlandajn kolegojn. Do malgranda kvanto da kongresanoj povos kalkuli je senkostaj dormlokoj.
Ni intertraktas kun la koncerna instanco pri senpagaj vizoj por tiuj landoj, kiuj ĝin bezonas, kaj klopodos je malmulte da kostoj al tiuj kolegoj, kies enspezoj ne estas altaj, tamen doni la okazon ĉeesti la lustruman kongreson. Ni pensa ekzempri niaj pensiitaj kolegoj. Skribu al ni pri viaj malfacilajoj kaj ni klopodos solvi ilin. Ni petas, se vi bezonas respondon, aldoni respondkuponon. (Nederlandanoj aldonu poŝmarkon).
El la programo ni ne definitive povas komuniki ion, do pri tio sekvantan fojon.
K.Brouwer, Sekr.

## LA LANDAJ ESTRAROJ BONE ATENTU!

La landaj estraroj estas afable petataj sendi kompletan liston de lokaj delegitoj al la Generala Sekretario, antaŭ la unua de novembro 1952.
Ni nepre bezonas la nomojn kaj adresojn, por ke ni povu enpresigi la adresaron en Bulteno. Ne prokrastu, sed sendu liston baldaŭeble.
J.Lok, sekretario.

## APELACIO AL KAPABLAJ VERKEMULOJ

Por kontentigi la deziron de multaj el niaj anoj, ni bezonas bone verkitajn teknikajn artikolojn, ĉu tradukitajn el naciaj fakgazetoj, ĉu originale verkitajnn. Ankaŭ vi dediĉu viajn fortojn kaj kapablon al la plibonigo de nia organo.

## EL LA GAZETARO

En jenaj gazetoj ni trovis artikolojn pri IFEF kaj la Lindaŭa kongreso:
*Sennaciulo*, la organo de SAT; *La Ponto*, eldono de la Germana Esperanto-Asocio; *La Spegulo*, revuo de Aŭstra Esperanto-Organizo; *Svisa Espero*, organo de Svisa Esperantista Societo. *Laborista Esperantisto*, organo de Asocio de Laboristaj Esperantistoj en Nederlando; *Lindaŭa Tagĵurnalo*; *West Herts Post*, Anglio; *Het Weekblad*, organo de Nederlanda Fervojista Sindikato; *Nieuw Utrechts Dagblad* *Utrechts katoliek Dagblad*; *Het Vrije Volk*; *Provinciale Overijselsche en Zwolsche Courant*; *Nieuw Overijselsch Dagblad*, ĉiuj en Nederlando.

## DEZIRAS KORESPONDI

Aage Lind, V/Trekanten 8, Fredericia, Danio. Li interesiĝas pri literaturo kaj historio de fremdaj landoj kaj popoloj.